Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Novembro 1996 67-a jaro, n-ro 11 (1097)

ISSN 1163.0442 *Pri la enhavo de artikoloj respondecas la aŭtoroj mem* MENSUEL/MONATA

# VIZITO DE LA PAPO AL FRANCIO

## Kial tiu ĉi vizito provokis tre multajn protestojn ?

La ĉefa motivo de tiu vizito estis la solenado de la 1500-a datreveno de la konvertiĝo al roma katolikismo kaj bapto, en Reims[1], de franka reĝo nomita Klodvigo (Chlodoweg). Fakte, nek la baptodato (kristnasko 496), nek la urbo (Reims) estas certaj. Pri tio la legendoj abundas. La historiistoj situas la baptodaton inter 498 kaj 506, kaj la urbon, en kiu tiu bapto okazis, se ne en Reims (la dokumento sur kiu baziĝas la katolika Eklezio, por tie fiksi ĝin, estis poste konsiderita kiel falsaĵo), en pluraj nordfranciaj urboj, eĉ en Tolbiac (Zülpich) apud Kolonjo (Germanio), kie la Frankoj[2] venkis la Alamanojn[2].

Ĉu en si mem, tiuj konvertiĝoj kaj bapto gravas por la franca historio ? Klodvigo, lerta militisto kaj reĝo de batalema tribo, atakis, venkis la lastan romian guberniestron de Gallo-Romio[3] kaj aliajn ĝermanajn tribo-reĝojn, kiujn li mortigis, eĉ post sia bapto, la bona kristano !

Li tiel konkeris vastan teritorion, kiu etendiĝis de la nuna Belgio ĝis Akvitanio (sudokcidenta regiono de nuna Francio).

Tiuj, kiuj miras pri la subita amo de Klodvigo por la Dio de la katolika Eklezio, proponas alian hipotezon : konsciante, ke li ne povis administri tian vastan teritorion pere de siaj nuraj soldatoj, pli taŭgaj por militi ol por administri, li konvertiĝis al katolikismo kaj aliancigis kun la katolika Eklezio, jam enplantita en Galloromio, kun la celo uzi ties episkopan reton (ĉiuj devenaj el potencaj patriciaj familioj), por administri la novan teritorion. La posteŭloj de Klodvigo kaj la elito de la Frankoj fariĝis la nova monarkio kaj nobelaro, kiu, kun la katolika episkoparo, de tiam ĝis la franca revolucio, regis landon, kiu nomiĝis »Francio«, kvankam, plej parte, ĝia popolo originis el keltaj Galloj. De tiam, la kronado de multaj francaj reĝoj okazis en Reims.



La reganta klaso lukse vivis, kiam la popolo vivis mizere. La popolo ribeliĝis. La franca revolucio estis sanga kaj detrua. Ĝi forpelis ĉiujn privilegiulojn de la antaŭa reĝimo kaj proklamis la Respublikon. Ĝia devizo estis/as : »LIBERECO, EGALECO, FRATECO«.

Libereco de ĉiu kredi je iu Dio kaj praktiki ties kulton estis garantiita de la respublika konstitucio mem. Pluraj leĝoj poste precizigis la neŭtralecon kaj sendependecon de la ŝtato rilate la Eklezion. Aparte tiu de 1850, kiu fiksis maksimuman procenton por la publikaj subvencioj al la privataj lernejoj (90 % katolikaj), kaj la leĝo de 1905, kiu proklamis la disiĝon de la Ŝtato kaj de la Eklezio (katolika), interalie decidante, ke, de tiam, neniu publika mono, nek de la ŝtato, nek de la publikaj instancoj, plu subvencios la funkciadon de Eklezioj, krom por la riparo de malnovaj preĝejoj, konsiderataj, kiel historiaj monumentoj.

La katolika Eklezio neniam akceptis la perdojn de sia pozicio, kiel ŝtata religio kaj de la privilegioj aŭ avantaĝoj, kiuj al ĝi rilatis. Ĝi lerte subagadas por iom post iom rehavi ilin.

Ĝi ankoraŭ estas sufiĉe influa en la decidpovaj aferoj, por kontraŭleĝe pli kaj pli ofte ricevi helpon aŭ monon de la publikaj instancoj. Dekstraj kaj maldekstraj politikuloj kulpas pri tiuj atencoj al la leĝo. La vizito de la Papo apartenas al speco de pure prozelita kampanjo. Laŭ sondadoj, granda parto de la son-

SAT SUR TTT : http://www.worldnet.net/~sat-esp/

SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO! LANTI

## EL LA REDAKTEJO

*Karaj gekamaradoj,*

*post la detala raporto pri nia jubilea kongreso en St. Peterburgo ni revenas al la pri varia numero de Sennaciulo. En la oktobra numero vi povis legi la temojn al kiuj ni volus dediĉi apartajn numerojn. Do, bonvolu kunlabori kaj sendi la materialon al la indikita adreso.*

*En tiu ĉi numero vi trovas la kotizliston por la jaro 1997. Ni ne plialtigis la kotizojn, sed ni petas tiujn kiuj povas aldoni iom al la kotizo por helpi al la Asocio, ĉar niaj financoj ne estas tre bonaj. Por bone funkcii, ni bezonas monon. Ankaŭ bonvolu varbi ĉirkaŭ vi novajn membrojn.*

*Ĉi kune vi trovos ankaŭ la referendumilon, kiun vi bonvolu plenigi kaj resendi al la sidejo de SAT.*

*En la decembra numero vi trovos la aliĝilon por la SAT-kongreso en Aŭgsburgo.*

*Esperante pri via solidareco kaj subteno, plej kamaradece salutas vin, via*

*Redaktoro*

Asocia sidejo de S.A.T., administrejo kaj redaktejo : 67, avenue Gambetta, F-75020 Paris, tel. +33(1).47.97.87.05, Telekopiilo: +33.(1).47.97.71.90.
E-mail : sat-esp@worldnet.net.
Oficejo malfermita : lunde de 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo : 9h30-16h30. Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata registrilo.
Poŝtkonto : SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas : Redakta komitato - J. Bannier, P. Lévy kaj K. Barkoviĉ.
Ĉefredaktoro : Kreŝimir Barkoviĉ
Ekspedejo de Sennaciulo : SAT, 67, avenue Gambetta, F-75020 Paris, Francio.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Ricevitajn manuskriptojn oni ne resendas. La limdato de ricevo de manuskriptoj estas la 10-a de kuranta monato.

*

Imprimé par : S.I.B., B.P. 343, F-62205 Boulogne-sur-Mer Cedex, Francio.
Aperas monate - Mensuel.
Le directeur de la Publication : Yves PEYRAUT.
Abonnement annuel/jara abono, France : 150 FF.
Autres pays/aliaj landoj : peti la tarifon de nia peranto aŭ de la SAT-Centro.
Dépot légal à la date de parution.

<u>**Commission Paritaire n° AS-74399**</u>
<u>**Limdato por ricevo de kontribuaĵoj estas ĉiam la 10-a en la monato.**</u>

ditaj personoj ne opiniis bonvena lian venon en Francion. Ŝokis multajn, la oficiala karaktero de lia vizito kaj ties ambigueco (ĉu de ŝtatestro, ĉu de eklezia ĉefo?), ĝia parta subvencio pere de publika mono.

Kvankam, laŭ la katolika Eklezio mem, la bapto de Klodvigo okazis dum kristnasko 496, ĝi elektis la 22-an de septembro, por celebri, en Reims ĝian 1500-an datrevenon. Ĝuste, tiun tagon, kiu estis tiu de la 204-a datreveno de la proklamo de la unua franca Respubliko. Tion ne povis ignori la pontifikaj instancoj. Ne estas sekreto, ke la katolika Eklezio malamas tiun respublikon, kiu, tiam, al ĝi, perdigis grandajn privilegiojn. Se temas pri ne intenca miselekto de dato, tio signifas, ke »ne erarema« Papo povas foje erari !

Kiel kutime, la papa vizito venigis homamasojn (fideluloj kaj spektantoj), sed, protestmanifestacioj kontraŭ tiu vizito ankaŭ arigis multajn homojn. Ne estas dubo, ke la plej granda parto de la franca popolo deziras konservi tiun ŝtatan laikecon, kiu dum jarcentoj garantiis civilan pacon en la lando.

*Etienne*

[1] Urbo situita nordoriente de Francio

[2] ĝermanaj triboj

[3] Gallio, Galloromio, antaŭaj nomoj de regiono, kiu pli-malpli korespondas al nunaj Belgio, Francio, Svisio.

Laŭ dokumentoj parte ĉerpitaj el verko de Pierre Bergé »L'Affaire Clovis«, eld. PLON.

**PLENA VORTARO**
**DE**
**ESPERANTO**

VERKITA DE
**Profesoro E. GROSJEAN-MAUPIN**
Direktoro de la Sekcio : « Komuna Vortaro »
Ĉe la Esperantista Akademio

**A. ESSELIN, S. GRENKAMP-KORNFELD, Profesoro G. WARINGHIEN**
Membroj de la Lingva Komitato

DEKUNUA senŝanĝa eldono
Kun
**SUPLEMENTO** Kompilita de
**Prof. G. WARINGHIEN**

1996

SENNACIECA ASOCIO TUTMONDA
67, AVENUE GAMBETTA, 75020-PARIS

## PLENA VORTARO ĴUS REAPERIS

Ni konfirmas bonan ricevon kaj dankas al la gekamaradoj kiuj pruntis aŭ donacis monon por ebligi tiun represon. Jen iliaj nomoj :

Angot, Bannier, Bernard, Boré, Bouwkamp, Cagnard, Dazun, De Weerd, Esperanto 44, Foucher, Gibaux, Gould, Grandière, Lebec, Legros, anonime memore al k-do Waseda, Noordewier-Jagtenberg, Robert, SATEB, Scherm, Selle, Signoret, Tortel.



# El la Mondo

## Intervjuo de Dalbert Hallenstein kun

# MARKUS WOLF

## antaŭa estro de la "Stasi"

## - orientgermana sekreta polico -

Wolf loĝas en unu el la plej malnovaj kaj "riĉaj" kvartaloj de orienta Berlino. Mi alvenis frue kaj notis la nomon Wolf (tre ofta en Berlino) sur la sonorilo de apartamento en la 7a etaĝo de anonima 19-a jarcenta apartamentaro. Mi sonorigis, duone turniĝis kaj trovis la homon mem, silente starantan malantaŭ mi. Koincido, aŭ ĉu li prispionis min antaŭ la rendevuo ? Lia voĉo, dum la salutvortoj, estis riĉa kaj sonora, sed lia vizaĝo, en vere spiona stilo, estis senesprima. Li ne invitis min en sian apartamenton, anstataŭe li kondukis min al sia preferata ĝardenkafejo, kie la kelneroj salutis lin humile kaj ni mendis kafon kaj kukojn. La alta maldika 73-jarulo en ĝinso kaj sportĉemizo estis tipo kiun oni povus renkonti ĉe ajna bushaltejo, kaj la renkontiĝo unue ŝajnis seniluziiĝo post la mistera maniero per kiu mi devis serĉi lin. Amiko estis doninta al mi lian nelistigitan telefonnumeron. Kiam mi telefonis, maŝino ordonis al mi lasi mesaĝon. Post semajnoj li retelefonis kaj iom sendecide sugestis renkontiĝon post du monatoj. Post du monatoj li estis malaperinta kaj mi klopodis dum pliaj tri monatoj ĝis rendevuo aranĝiĝis.

Kiel multaj pensiuloj, li komencis per plendeto pri sia malalta monata monsumo (ŝtatpensio), temo plurfoje aludita en lia konversacio. Post la falo de la berlina muro, ĉiu Stasiano perdis sian specialan registaran pension kaj Wolf nun vivas per GM 802. La diferenco inter ĉi tiu pensiulo kaj miloj da aliaj estas ke lia apartemento situas en la kvartalo Nikolai - unu el la malmultaj riĉaj loĝdistriktoj de orienta Berlino - kaj li krome posedas kamparan domon.

Aŭskultante liajn plendojn mi povis apenaŭ kredi, ke tiu viro estis konfesinta, ke li kaj lia organizo ne hezitis uzi ĉiun ajn metodon, kiom ajn fian, malicegan, malmoralan aŭ trompan, por havigi al si informojn dum siaj jaroj en la Stasi-organizo. Li ŝajnas milda kaj ĉarma, kun traborkapablaj okuloj kaj ofta rido. Tamen, li havas rigoran sinregon : lia "korpolingvo" estas minimala kaj li cedas malmulte da informoj.

Je iu momento li diras "ni faris prihontindajn aferojn" kaj mi preparas min por konfeso de liaj krimoj. Anstataŭe, li gestas al la kadukaj turkonstruaĵoj fone de la restaŭrita mezepoka strato en kiu li loĝas. "La orientgermana registaro deziris, ke Berlino similu al Manhattan, kaj por konstrui tiujn aĉajn nubskrapantojn, forigis la restaĵojn de unu el la plej belaj partoj de la urbo".

Wolf havis du edzinojn kaj kvar infanojn, kalkulas sin inter la intelektuloj kaj pretendas, ke li helpis al multaj artistaj amikoj kiam oni arestis ilin. Mi demandas, ĉu la kontraŭhomaj kruelaĵoj de lia registaro doloras liajn sentojn same kiel la arkitekturaj kripligoj. "Ne", li diras. "Niaj metodoj kaj teknikoj ne estis pli malbonaj nek pli bonaj ol tiuj de niaj okcidentaj rivaloj". "En la 'informservo' ne ekzistas malpermesitaj metodoj, pro tio mi taksas maljuste, ke mi estas la sola gvidanto de antaŭa 'malvarmmilita' spionservo, kontraŭ kiu oni nun procesas".

Pli frue ĉi-jare oni malkondamnis lin pro spionado kaj ŝtatperfido, sed li ankoraŭ frontas proceson pro homforkapto kaj ĉantaĝado. "Ridindaj akuzoj", li diras, "koncerne malgrandajn teknikaĵojn kiujn ĉiu spionservo en la mondo uzas ĉiutage". Wolf daŭre defendas siajn agojn kaj malgravigas la "ekscitojn" de sia kariero. "Mi fariĝis estro tre rapide kaj tial maltrafis multajn interesaĵojn : vojaĝojn, sekretajn renkontiĝojn, ktp - anstataŭe mi sidis kaj trastudis raportojn de niaj agentoj". Fakte, li ja multe vojaĝis sed ne emas konfesi ĝin, ĉar li timas novajn akuzojn : "Miaj eksterlandaj vojaĝoj estas ankoraŭ tre interesaj al la germana prokuroro - mi ja vojaĝis al Afriko kaj la arabaj landoj, ankaŭ Aŭstrio kaj Pakistano. Mian unuan vojaĝon al Novjorko mi faris meze de la 60-aj jaroj - estis ege danĝere por mi kaj eĉ miaj plej intimaj kunlaborantoj ne sciis pri tiaj vojaĝoj."

Wolf naskiĝis en Hechingen, apud Stuttgart, sed estis edukita en Moskvo, kien fuĝis la familio je la komenciĝo de la hitlera reĝimo. Lia duonjuda patro estis kuracisto kiu jam komunistiĝis dum la unua mondmilito. La filoj, Markus kaj Konrad vizitis la germanlingvan Karl-Liebknecht-altlernejon kie furoris kontraŭnaziismo kaj ideologia komunismo. Markus Wolf bone kapablis matematikon kaj sciencon kaj deziris fariĝi aviadila inĝeniero, sed en 1942 oni sendis lin al spionlernejo. Lia perfekta germana lingvo igis lin ideala kandidato por paraŝuti kaj spioni en Germanio - tio tamen neniam okazis. En 1943 li aliĝis al la germanlingva radiostacio en Moskvo kaj 8 jarojn poste oni sendis lin al orienta Berlino por ekestigi la eksteran radioservon, de kiu li fariĝis la direktoro.

"Ĝis tiam mi simple estis ĵurnalisto", li diras, "sed en 1951 oni petis min membriĝi en la "informser-



# El la Mondo

vo", kaj en la politika klimato de tiu tempo mi akceptis senhezite. " Nur unu jaron poste, je aĝo de 29 jaroj, li fariĝis estro. "En tiuj unuaj jaroj ni sincere kredis eble establi socialistan demokration ĉilande", li diras. "Ni estis idealistoj, sed tiam la Malvarma milito komenciĝis kaj aferoj ekmisfunkciis".

En tiuj unuaj jaroj Wolf komencis teksi la reton de spionoj kaj informantoj kiuj akiris por li altan reputacion kaj enrangiĝon inter la plej famaj friponoj kaj komplotistoj de la mondo. Uzante metodojn bazitajn sur teroro, fanatikeco kaj ĉantaĝo, li metis agentojn en la plej altajn kaj plej sekretajn registarojn de okcidenta Eŭropo. Eble lia plej granda sukceso estis varbi Günter Guillaume, privatan sekretarion de la antaŭa Kanceliero de Germanio, Willy Brandt, kiu rezignis kiam la skandalo publikiĝis. Dum pli ol dek jaroj oni liveris en la manojn de Wolf la plej zorge garditajn sekretojn de la Okcidento.

Wolf desegnas sin kiel idealiston kiu servis al sia patrio dum ĝi bezonis lin, tiam eksiĝis, kiam liaj principoj perfidiĝis fare de lia registaro. La vero estas pli komplika. Li proponis sian eksiĝon en 1983 - oni ne akceptis ĝin ĝis 1986 - sed liaj kialoj ŝajnis esti bazitaj pli sur persona potenco ol sur politika seniluziiĝo. "Mi komprenis, ke mia laboro estis utila dum la malvarma milito sed poste mi sentis, ke oni ne plu uzis la informon kiun ni ricevis, kaj mia sola influo sur la politikon estis pere de tiu informo".

Li konfesas, ke li esperis, ke la "perestrojka" de Gorbaĉov reformus la komunistan idealon, kvankam li ne diras, ke li forlasis la Marksismon.

Li nun dividas sian tempon inter la urbo kaj la kamparo, verkas librojn por pligrandigi siajn vivrimedojn. Lia unua "La Troiko" eldoniĝis en 1989. Post tio, li finis kuirlibron "Sekretoj de la rusa kuirado" - kuirado estas lia granda pasio - kaj aŭtobiografion. "Mi nun planas libron de ferakontoj, kiun mi jam rakontis al miaj genepoj, pri la aventuroj de delfeno, bazitan ĉefe sur mia vivo en spionado".

Li legas spionrakontojn kaj diras, ke spionado estis multe malpli ekscita ol la fikcio de Le Carré. "Estas vere malfacile verki spionromanojn sen persona sperto ... ekzemple James Bond neniel similas al vera spiono...".

Ŝajnas strange, kvazaŭ la ĉefspiono de Eŭropo mem estis viktimo de romanverkisto : "En 'The spy who came in from the cold' (La spiono kiu venis el la malvarmo) du el la personecoj maltrankvilige similas min kaj la estron de la orientgermana kontraŭspiona servo de tiam. Ĉi tio estas tiel konfuziga, ke mi ŝatus paroli al Le Carré pri ĝi, ĉar tie troviĝas aferoj kiujn li ne povus, aŭ prefere ne devus esti sciinta. Eble tio venis el la tempo kiam li laboris por la brita servo kaj eble ili havis agenton en mia oficejo. Mi scivolis pri tio dum jardekoj".

*Teksto prenita el la "Magazino" kiu akompanas la semajngazeton "The European" - anglalingva - tradukita kaj koncizigita de H.R.*

**Komuniko de la Komunista Frakcio [n°8] (*)**

**REGULARO** de la Komunista Frakcio de SAT, akceptita la 15-an de julio 1996 dum la 69-a Kongreso de SAT

1 - Komunista Frakcio de SAT estas fondita surbaze de la REGULARO pri la funkciado de la SAT-Frakcioj, kiu organizas la propagandan laboron de SAT-membroj, anoj de sama politika partio aŭ tendenco, ekster la kadro de SAT.

2 - La Komunista Frakcio de SAT akceptas la tutan statuton kaj regularon de SAT.

3 - La Komunista Frakcio de SAT konsistas el membroj de SAT, kiuj akceptas tiun ĉi regularon.

4 - La aliĝo de komunistoj, membroj de SAT, al la Komunista Frakcio, ne estas deviga.

5 - Kiu ne povas esti membro de SAT pro apliko de la artikolo 7 de la Statuto de SAT, tiu ankaŭ ne povas esti membro de la Komunista Frakcio.

6 - La tasko de la Komunista Frakcio estas la propagando kaj aplikado de Esperanto ĉe la respektivaj partioj aŭ movadoj, la reciproka informado de ĝiaj membroj kaj la faciligo de kunlaboraj rilatoj inter komunistoj, laboristoj kaj progresuloj en la tuta mondo.

7 - La Komunista Frakcio de SAT ne estas partio nek partipolitika movado aŭ organo. Havante taskon de helpanto, ĝi ne kontribuas al paralela decidpovo preter ekzistantaj partioj. Kun referenco al la instruoj de Marks kaj aliaj pensuloj de la laborista movado, kaj kun konsidero pri la lecionoj de la historio, ĝi kontribuas, sur sia tereno kaj per siaj rimedoj, al la agado kaj bataloj de siaj klas- kaj partifratoj.

8 - La kolektivaj decidoj, kiujn la Komunista Frakcio de SAT faras por plenumi sian agadon, ne povas devigi ĝiajn membrojn al agado, konduto aŭ alpreno de pozicioj kontraŭaj al la statutoj de SAT aŭ de iliaj respektivaj partioj, nek trudi al la respektivaj organizoj respondecojn, kiujn ili propravole ne havas.

(*) Kiel estas notite en la protokolo de la 69a SAT-Kongreso, la Komunista laborgrupo decidis en tiu kongreso alpreni la nomon »Komunista frakcio de SAT«.



# El la Mondo

## El »Komsomoljskaja Pravda«

# SEKRETO NOMATA TITO

Sergej Mošeĉkov prezentas jam konatajn ideojn pri la personeco de Tito. Estro de la iama socialista kaj unuigita Jugoslavio, Josip Broz Tito havis longan kaj tumultan vivon. Li militis, estis malliberigita, konis mizeron kaj lukson, ŝanĝadis siajn nomojn kaj virinojn, kapablis terure timigi kaj esti estimata. Pri tiaj neordinaraj personecoj estiĝis multaj legendoj. La plej konata kaj kiun oni neniam dementis estas ke li ne estis la persono pri kiu li sin prezentis. Aparte tion volis pruvi jugoslaviaj elmigrintoj, kiuj estis de li forpelitaj el la lando.



*En aprilo 1945, Marŝalo Tito subskribas kontrakton pri amikeco kun Sovetio. Staras Stalin, Molotov, Viŝinski, Kiseljov.*

Nu, tamen, eĉ la plej ordinaraj civitanoj miris, ke la simpla kamparana knabo el kroatia regiono »Hrvatsko Zagorje«, kiel maljunulo bonege pianludis. Ankaŭ estas strange, ke jugoslavia prezidento havis ĉiujn fingrojn sur la mano, kiam liaj samvilaĝanoj bone sciis ke unu fingro mankis al li.

La plej malklara periodo en la vivo de jugoslavia estro estas la dua duono de 30-aj jaroj. Temas pri la tempo de la civila milito en Hispanio. Internaciistoj el ĉiuj landoj kuras en la batalon kontraŭ la faŝistoj, kaj juna Tito el nekonataj kialoj ne iras tien. Neniam dum sia vivo li parolis pri tio, sed pri tio pensis konata brita komunisto F. Coleman. Jam tuj post la dua mondmilito Coleman en siaj memoraĵoj miris ke lia malnova kunbatalanto tute rezignis pri la hispana epopeo, kiam li fariĝis marŝalo Tito.

La elmigrintoj suspektis ke Broz kaj Tito ne estas la sama persono. Laŭ ilia opinio, ĉe la gvido de socialista Jugoslavio estiĝis persono kiu tre similis al la alia komandanto internaciista en Hispanio, »rusa generalo« Valter. La veran Broz-on, laŭdire, eliminis jam en 1939 la GPU.

Se oni serioze akceptas tiun eblecon, tiam dum la tuta milito la gvidanto de jugokomunistoj estis moskva sendito. Li kreis ankaŭ la federacian ŝtaton sur Balkano, kiun li gvidis ĝis sia morto, havante fortan konflikton kun sia patrio kaj »Mastro« (Stalin).

En la kroatia revuo »Arena«, kiu organizis esplorojn pri la personeco de Tito, oni asertas, ke Stalin ĉiam nomis sian jugoslavian kolegon »Valter«. Jugoslavia ŝtatestro mem skribis en siaj memuaroj : »Antaŭe mi havis pseŭdonomojn Rudi kaj Valter. La unuan mi uzis en mia lando kaj alian ekster ĝi.« La autobiografio de Tito, kiu estas gardata en la arkivoj de Kominterno, estas verkita ruse kaj subskribita per nomo Valter.

Ekzistas ankaŭ aliaj supozoj pri la deveno de Tito. La germana propagando dum la milito asertis, ke Tito ne estas vera homo, sed ke temas pri mallongigo kiu signifas »Tajna Internacionalna Teroristička Organizacija« (Sekreta internacia terorista organizo). Ĝin gvidas kelkaj personoj alterne. Kiam unu estas mortigita, alvenas alia. Por la kapo de tiu TITO oni proponis premion de 100 000 germanaj markoj.

La plej multaj el jugoslaviaj civitanoj ne kredis al tiaj elpensaĵoj kaj konsideris Tito-n vere sia. Eĉ nun oni memoras pri li, se ne pro la bono almenaŭ kun estimo. Kiam temas pri duuloj, sur Balkano tio estis konata de ĉiam. Sed fari sukcesan historian esploron kun ankoraŭ vivantaj atestantoj, pro nekonata kialo, neniam sukcesis sur Balkano.

*S.M.*



# El la Mondo

## MEMOROJ KAJ POLITIKO

Tio, kion oni kaŝadis dum kvindek jaroj, estis »malkovrita« nur en kelkaj monatoj : Svislando, dank'al banka sekreto, en siaj bankoj tenis la monon kaj oron de viktimoj de holokaŭsto, rifuzante transdoni la monon al iliaj eskapintaj posteuloj. Dum la Dua mondmilito la naziaj gvidantoj »lavis« la monon en Svislando. Ĉirkaŭ kvin miliardoj da svisaj frankoj kiujn la naziistoj rabis en centraj bankoj de okupitaj landoj aŭ ricevis per vendo de iliaj valoraĵoj, troviĝas ankoraŭ nun en la trezorejoj de svisaj bankoj, same kiel 8307 orbrikoj fanditaj el oraj dentoj de koncentrejaj viktimoj kaj mono ricevita per vendo de ŝtelita oro kaj diamantoj. En la lasta tempo aperas konstante novaj malkovroj, kaj Svislando montriĝas kiel unu el plej gravaj kunlaborantoj de Hitlera Germanio kaj kiel plej granda militprofitanto.
Kaj ĉio tio montras la duoblecon de la moralo. Sendube Svislando ludis tre malbelan kunlaboran rolon kun la naziista reĝimo sub la masko de neŭtraleco kaj sur tiu malpura mono ĝi konstruadis sian financan imperion. Sed estas same klare ke la aliancanoj ĉion tion sciis almenaŭ ekde la jaro 1946. Estas ankaŭ fakto, ke Svislando el tiu mono pagis al la aliancanoj 250 milionojn da svisaj frankoj kiel prezon de sia reeniro en la mondan ekonomian sistemon, kaj ke aliancanoj donis tiun monon al neniu viktimo de holokaŭsto, je kies nomo ili hodiaŭ ekmovas tiun skandalan »aferon«. Kie dormis dum 50 jaroj tiu sento de justeco kaj kio nun subite vekis ĝin ?

Svisa financa imperio fariĝis tro granda por la okcidenta gusto kaj ĝi komencis ĝeni. La ritmo de »malkovroj« sekvas certajn strangajn koincidojn. La afero pri la konto de naziaj gvidanoj estis lanĉita de usonaj masmedioj ĝuste en la momento kiam la svisa ministro de eksteraj aferoj Koticotti anoncis, ke eble li ne donos »verdan lumon« por la balotoj en Bosnio. Post tio li donis ĝin. Aferon pri kvin miliardoj da rabita mono lanĉis britaj masmedioj tagon antaŭ la svisa traktado pri komuna kontrakto kun Eŭropa Komunumo kaj la vizito de brita ministro Rifkind al Berno. De la lando tiel politikie kompromitita kiel estas Svislando hodiaŭ, oni ĉiam povas esperi cedojn. Kaj kiam estas videbla distribuo de ies fremda mono, necesas esti inter la unuaj. Demando estas kion Rifkind nun postulos. La franca ministro de eksteraj aferoj De Charette jam faris postulon. En la letero al sia svisa kolego, kiu aperis en la gazetoj, li senkaŝe skribis : aŭ via defendministerio aĉetos de Francio novan sistemon por la kontrolo de la aerspaco, valora 650 milionojn da frankoj, aŭ vi renkontos reprezaliojn dum la bilateralaj traktadoj kun E.K.
Tio ne estas la solaj kazoj de subite vekitaj »memoroj«.

V.S.

## NATO rampas orienten ... sur raŭpoj

### (ĉekape kun generalo Montgomeri)

Sensacio de la fina semajno de l'pasinta julio estis novaĵo, trafinta en germanan gazetaron,ke tankaj kolonoj de NATO transiros riveron Oder/Odra. »La plej pacema en la tuta mondo« milita organizaĵo NATO, impetas orienten sur raŭpaj moviloj. Unuafoje dum la postmilitaj jardekoj unu el la NATOaj landoj - - Britio, luis grandegan teritorion oriente de rivero Oder por fari ekzercojn kaj manovrojn.

La 7-a tanka brigado de Britio, frumatene, la 1-an de septembro [ĉi-jare], t.e. la saman tagon, kiam siatempe komenciĝis la 2-a mondmilito, devas efektivigi rivertransiron tra Oder kaj fari 90km-an marŝon orienten, profunden en teritorio de Pollando.

Gvidos la malfacilegan operacion (entute la riveron transiros pli ol 1000 tankoj kaj aliaj teknikaĵoj kun 3500 soldatoj) 44-jaraĝa brigada generalo David MONTGOMERI. Nome, al lia tanka brigado, kiu nun »loĝas« en la germana lando Malsupra Saksio, oni ordonis marŝi en polan nacian parkon Dravsko. Kompreneble, britaj militistoj ne interesiĝos pri flaŭro kaj faŭno de la rezervejo. Kiel okazis, en centro de l'nacia parko (Ho-ho! Kie estas la »verd-verdaj brigadoj« polaj?) la tankistojn de NATO atendas Dravska-Pomorska milita trejna pafkampo kun dimensioj de 400 km². La generalo mem vizitos la lokon por esploro jam en aŭgusto.

Ekspertoj asertas, ke nenie en la tuta mondo NATO kapablos fari ekzercojn kaj manovrojn sur tiom grandaj teritorioj kaj kontraŭ tiel malalta prezo, kiel en Pollando. Tamen, oni ne malkaŝas la »prezon«, kiun postulis Pollando de tiu ĉi »pacema organizaĵo«. Oni scias nur, ke, ekzemple, unu tago de manovroj en kanadiaj prerioj kostus por la »manovruloj« 2,9 milionojn da GM. Oni

diras, ke Pollando postulis de NATO iun 'specialan' prezon kaj pro tio la NATO-anoj plenas je esperoj, ke post la brita tankbrigado la riveron Oder baldaŭ konker-transiros ankaŭ usonaj kaj francaj tankaj kolonoj.

Oni diras, ke ankaŭ Montgomeri plenas je entuziasmo kaj esperas ke post la manovroj lia tankbrigado translokiĝos el Malsupra Saksio en Pollandon kaj estos tie dum kelkaj jaroj, atendante tie aliajn partnerojn el NATO.

* * *

Tiel finiĝas bela fabelo pri pacema organizaĵo NATO, kiu NENIAM ekspansios orienten, kiel oni »promesis« al naivulo Gorbi, kiam li »donacis« DDR-on al sia amiko Helmut, dismuntis la t.n. 'socialisman tendaron' kaj aboliciis la »spegulon« de NATO - Varsovian Militan Aliancon. Kie nun estas tiu ĉi Gorbi, kion pensas nun »amiko Helmut« - kiam tankoj de NATO impetas orienten.

NikSt



*Sur tiaj "veturiloj" generalo Mongomeri vizitos Pollandon.*

## IpI informas interlingvistojn kaj esperantologojn

En Esperanto kaj diversaj naciaj lingvoj aperas pli kaj pli multe da ofte malfacile trovebla scienca materialo pri interlingvistikaj kaj esperantologiaj temoj, gravaj por sciencaj studoj kaj esploroj.

Seriozaj interlingvistoj kaj esperantologoj klopodas sekvi la fakan literaturon. Tion grave faciligas Informilo por Interlingvistoj (IpI), kiun eldonas Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo (CED). La aktuala (tria) serio startis en 1992. Aperis ĝis meze de 1996 entute 17 numeroj kun sume 156 paĝoj, plenaj de utilaj informoj, plejparte bibliografiaj.

IpI estas abonebla ĉe UEA (Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando). Jarabono por tri 16-paĝaj A5-formataj kajeroj kostas 10 guldenojn (por EU-landoj 10,60 gld.). Estas ankoraŭ riceveblaj ankaŭ la jarkolektoj 1992-1995 (po 10 gld.). Seriozaj interesitoj el landoj kun transpagaj problemoj povas laŭpete ricevi IpI senpage.

Informilo por Interlingvistoj estas redaktata de d-ro Detlev Blanke (Otto-Nagel-Str. 110, DE-12683 Berlin, Germanio), kiu volonte akceptas materialojn pri ĉiuspecaj interlingvistikaj aktivecoj, projektoj kaj publikaĵoj.




## *TROVITAĴO*

*Ankoraŭ neniam surstrate iu petis min oferi monon por nukleaj armiloj. Evidente pro tio, ĉar la registaroj ĉiam disponas pri sufiĉe da mono por armiloj.*

*Sed dum nenombreblaj fojoj, homoj kun monkolektujoj enmane petis min pri donaco por malriĉuloj, malsanuloj, maljunuloj kaj infanoj.*

*Ĉiu unuope do uzu sian fantazion por kompreni tian nelogikaĵon.*

Peter Ustinov,
aktoro kaj reprezentanto de UNICEF

**Trovis, tradukis kaj sendis : Nora Caragea**

# El la malluma mondo de diamantoj

Etimologie, la vorto »diamanto« venas el la greka **adamas**, kio signifas nedetruebla - nebridebla.

En la 4a jarcento oni priskribis en »La Artha-Castra«, hinda manuskripto pri ŝtonoj, plej verŝajne diamantoj. Skribaĵoj pri ŝlifado, ni prefere uzu la terminon, prilaborado de diamantoj, aperis laŭ nia scio, unue en Antverpeno en la 15a jarcento. Kiu eltrovis la manieron de facetado, estas nesciate, sed certe estas, ke »Lode van Berkem« el Brugge (Bruĝo) estas registrita kiel la eltrovinto de la diamantotajlado. Lode van Berkem eltrovis la sistemon, laŭ kiu oni povas ŝlifi diamantojn, sistemo kiun oni nun post 500 jaroj preskaŭ same aplikas, almenaŭ la bazan ideon.

Ekde la komenco, Antverpeno estis grava rilate prilaboradon kaj vendadon de diamantoj. Skribaĵo el la arkivoj de la urbo Antverpeno parolas pri iu formo de komerco, pri gemoj. Skribita en la jaro 1447 la citaĵo diras: »Estas malpermesate vendi falsajn ŝtonojn, rubenojn aŭ diamantojn«! Do, vi vidas, jam tiam falsado kaj trompistoj ekzistis. La Antverpenaj diamantprilaboristoj, tra la epokoj, estas laŭdataj pro siaj kapablecoj kaj konoj. Sciu ke la tiama reĝo Ludoviko la deksesa venis en 1788 al Antverpeno, al la diamanttajlejo de Martinus Cuylits, petante ke oni retajlu la diamantojn el la Francaj kronjuveloj. Bedaŭrinde, kara Ludoviko estis senkapigita antaŭ ol la diamantoj estis retajligitaj.

Nun, en la jaro 1996, Antverpeno restas la plej grava, la plej granda komerca centro en la mondo. Pli ol 70% de diamantoj (ornamdiamantoj) kiuj troviĝas mondvaste en iuj juveloj, estas aĉetitaj en Antverpeno. La diamantkvartalo en la urbo havas 20.000 kvadratajn metrojn. En ĝi troviĝas 4 el la 16 diamantborsoj kiuj ekzistas en la mondo. La debito pri diamantvendado kreskas ĉiun jaron, kompreneble ankaŭ la gajno. Kaj jen ni venas al la esenco. La Brazila esperantisto Sylla Chaves havas kanteton kiu diras : »Ni gajnas, nur ŝajnas« - jen la plej uzata frazo de la diamantkomercistoj kiuj venas aŭ vivas en Antverpeno.

Tuj post la milito, (vi scias ke la nacional-socialistoj forrabis la Antverpenajn diamantojn kiuj plej verŝajne kuŝas bonege protektitaj en la kapitalista bastiono, Svislando), estis la diamantprilaborado preskaŭ sensignifa, tamen ege rapide Antverpeno reprenis sian lokon de la antaŭmilita tempo. Por revivigi la eblecon de diamantŝlifado, la komercistoj-entreprenantoj petis de la tiama ministro pri laboro Kamille Huismans, liberigon de imposto por 25% de la komerco kaj ankaŭ al la salajro de la ŝlifistoj. La ministro akceptis kaj ek de tiam la diamantprilaboristoj en Belgio estis liberigataj pagi imposton je 25% de la salajro. Pli kaj pli da komercistoj venis profiti en Antverpeno de la favora impostsistemo, la komercoj floradis kaj kompreneble la laboristaro kreskis kaj atingis en la jaro 1960 pli malpli 19.800 unuojn. La laboristoj tiam ricevis 3-oblan salajron kompare al ekzemple la laboristoj ĉe la Usona "General Motors". Kvankam la sendevigeco daŭre estis 25%, la laboristoj ricevis nun du-fojon la sa-lajron, kiun ili oficiale gajnis. Finfine ili ricevis pli da nigra mono, kaj inverse, la oficiala salajro restis preskaŭ senŝanĝa. Ne nur en la laborejoj sed kaj precipe en la oficejoj oni pli kaj pli trompis la ŝtaton per ruzaj trukoj, falsaj librotenadoj, ktp, ktp.

En la jaro 1896 estis fondita la A.D.B. (Algemene diamantbewerkersbond : ĝenerala diamantprilaborista sindikato), precipe dum la komenca periodo, gravega sindikato. Notu ke jam en 1938 la ŝlifistoj havis, danke al la agemo de la A.D.B,. la 40-horan semajnon. Antaŭ la milito la sindikato bone laboris sed post kiam ili akceptis la sendevigecon de la 25%, eĉ pli propagandis ĝin, ili pli kaj pli perdis sian kredindecon.

Dum la jaroj 1960-1970 montriĝis la unuaj signoj pri malaltsalajraj landoj. Estis brueto ke oni ŝlifis diamantojn en Tajlando kaj Hindujo. La sindikatestro trankviligis la laboristaron, ĉar tiuj »nigraj simioj« (la sindikatestro tute ne sentis sin rasisto!) certe ne kapablis doni kvaliton. La diamantestroj tamen komencis paroli pri multe pli malaltaj prezoj kaj pri precipe la kapableco de la Israelaj ŝlifistoj. Ankaŭ grava estis la 6-taga milito en Israelo, kiu kaŭzis, certe al la kapitalistaj judoj el la diamantmondo, reviviglado de la ĉiam latentĉeestanta naciismo de la, kvankam en Belgio naskitaj, filoj de Abraham. La oficiala salajro estis frostigita, ĉar por helpi la »promesitan landon« la diamant-kapitalistoj devis, laŭ propra diro, sendi multege da mono al la Israela ŝtato??? Por silentigi la laboristaron oni, helpe de la sindikato, iom plialtigis la nigran monon, kompreneble kun neoficiala jesado de la ministro pri laboro.

## Kia estis la situacio komence de la jaro 1970?

Ni havis fakte 4 grandajn grupojn da ŝlifistoj. La plej grava grupo estis la Antverpenanoj, kiujn oni ne nomas ŝlifistoj sed diamantprilaboristoj. Grupo du estis la laboristoj el ekster Antverpeno, homoj el la kamparo, el orienta kaj okcidenta Flandrio, la tiel nomataj ŝlifistoj. Tiuj homoj ŝlifis precipe malgrandajn diamantojn kaj por malplialtigi la kostojn, ili devis

labori kontraŭ monstra rapideco. La du grupoj estis dividataj en subgrupo 3, la membroj de la plej malnova sindikato A.D.B., kaj subgrupo 4, la membroj de la eklezia sindikato C.D.B.

Resume: La plej elstaraj estis



Antverpenanoj, laborantaj en Antverpeno kaj membroj de A.D.B. La malkonkordo de la du sindikatoj reflektiĝis ankaŭ inter la laboristaro. Eĉ bataloj okazis inter laboristoj de la malsamaj sindikatoj. La estroj dum jaroj frotis la manojn ĝis sango pro la belega donaco kiun ili ricevis de la du sindikatoj, kiuj povis trinki inter si la sangon.

En 1972-1973 estis la komenco de la totala disfalo. La mastroj montris sian vizaĝon. Ĝis tiam la laboristoj pensis, ke kvalito gravis, sed post la eltrovo de la plej granda diamantminejo :« Hindio, Malezio, Filipino kaj aliaj landoj, kie la laboristoj devas labori por manpleno da rizo«, la diamantprilaboristoj en Belgio komprenis, ke la vera ludo nur rilatas profiton, gajni monon kaj precipe kiel eble plej multan. Kvalito ne estas la celo sed kvanto, amasaproduktado. La mastroj malkaŝis siajn kapitalistajn vizaĝojn. Dum tempopaso de eĉ ne 10 jaroj, la diamantindustrio ekster Antverpeno ŝrumpis ĝis preskaŭ neekzisto. En la favoraj landoj kun neglekteblaj socialaj atingaĵoj, male, la fabrikoj leviĝis kiel fungoj el la tero. La sindikatoj, kiuj perdis centon da membroj trankvile daŭrigis la kvereladon inter si, kvazaŭ nenio okazis.

## Kia estas la situacio nun?

Antverpeno restas, kaj plej verŝajne restos la sekvontajn 10 jarojn, la plej granda komerc-centro de la mondo. La diamantkomercistoj faras monstro-gajnojn, kaj per la nunaj komunikadsistemoj la mondo aspektas al ili granda strato. El la oficejoj en Antverpeno ili povas kontroli mondvaste la sklavaron, kaj nur tiuj laboras, kiuj estas malmultekostaj. Restas en Antverpeno malgranda »elito« de diamantprilaboristoj, kontrolitaj per kameraoj (sub masko de sekureco). Ili devas prilabori precipe tiujn gemojn, kiuj estas malfacile prilaboreblaj. Ili devas konkurenci kontraŭ gekamaradoj el la landoj, kie sociala sekureco estas revo; kontraŭ komputore direktitaj maŝinoj, kaj antaŭ ĉio akcepti la novan sistemon.

## Kio estas tiu nova sistemo?

Pro la fakto, ke sendevigeco al la gajno ne plu povas kontentigi la estrojn, ili uzas nun la plej aĉan trukon kiu eblas. Ili misuzas la asekuron kontraŭ senlaboreco. La laboristoj estas ŝajne sen laboro, sed tamen devas, kiel ĉiam, labori. Do, la estro ne pagas por tiu laboristo tiun tagon nek socialan sekurecon nek imposton, kaj gajnas tiamaniere por ĉiu laboristo pli malpli 2500 BEF. Pli klare, tiu laboristo, kiu ne volas labori laŭ tiu sistemo, estos maldungata, ĉar li kostas tro. Kial la laboristoj ne kontraŭstaras tiun sistemon? Simple, ĉar ili ankaŭ gajnas, por ĉiu tago iom pli ol 1100 BEF. Kalkulu, ĉiumonate 70% de la Antverpenaj diamant-laboristoj laboras 3 ĝis 5 tagojn, dum ili samtempe ŝajn-senlaboras. Kion faras la sindikatoj? Ili nur zorgas ke ilia bone pagita posteno ne estu perdita, kaj tio estas, kredu min, la plej grava tasko de la sindikatestroj. Iu kontrolo de la registaro estas neglektebla. Nur malofte oni aŭdas pri kontrolo de la impost-servo aŭ aliaj instancoj. La Antverpenaj diamantoj perdis sian brilon. La entrepreno estas ege malsana. Ruzuloj kaj malhonestuloj gvidas la ludon, la laboristoj pro manko de junaj homoj, (preskaŭ ĉiuj aĝas pli ol 45-jarojn), ne plu estas sufiĉe batalemaj por kontraŭstari la aĉan sistemon. Timante la finon de la diamantentreprenado en la regiono, ili klopodas gajni kiel eble plej multe eĉ kiam la afero ne estas tute »koŝera«.

Kiam vi diras ke vi estas diamantprilaboristo, la homoj tuj komencas primoki vin. Ha, ha, nigra laboristo, estas la plej aŭdata esprimo. Ĉu la laboristoj kulpas pri la afero, pro la fakto, ke ili ne strikas? Certe ne, la daŭra batalo inter la du sindikatoj lamigis iun ajn formon de solidareco. En la nuna politika medio, komencas la Flandraj naciistoj montrofingri al la judoj. Kaŝe oni rekomencas la insultadojn kiujn oni jam faris antaŭ la dua mondmilito. La vero pri ĉio estas fakte tre, tre simpla. Ne la laboristoj kulpas, certe ankaŭ ne la judoj (la procento da judoj kiuj vere signifas ion en Diamantujo estas neglektebla). Kiam vi bone pripensas la aferon, vi devas konstati, ke diamanto estas artefaritaĵo. Kiam mi vidas 100 homojn kiuj aĉetis diamanton, 99 el ili demandas min taksi la ŝtonon, ĉar ili timas esti trompitaj, ili timas ke ili pagis tro da mono por la diamanto. La valoro de diamantoj estas subjektiva. La kapitalistaro donis fikcian valoron, variigeblan valoron al diamantoj. Kiom da sklavoj perdis la vivon serĉante la ŝtonetojn sub la kruele brulanta suno de Afriko. Kaj nun, vizitante la Antverpenan muzeon pri diamantoj, vi povas vidi la grandegan naturdetruadon, necesa por trovi la diamantojn. Diamantoj signifas: Kapitalismo kun granda K. Nur la ruzuloj gajnas, kompreneble sur la kapo de laboristoj kaj detruante la naturon.

Oni parolas pri ornam-diamantoj, sed diamantoj nur ornamas la internan flankon de la monŝrankoj de la diamantkomercistoj. La diamanteto sur via fingro valoras eĉ ne pli ol la duonon de la prezo kiun vi pagis kiam vi aĉetis ĝin

*Ezra ŝercemulo*



# 70-a Kongreso de S.A.T.

## 02.-09.08.1997 en Augsburg

OKK :
Prezidanto : Hermann Schmid
Adreso : Esperanto-Press Augsburg, Hermann Schmid, Waterloostrasse 21, DE-86165 Augsburg,
Telefono el eksterlando : + 39.821.792835 ; el Germanio : 0821 / 792835 + 488149
Poŝtkonto : Hermann Schmid, Sonderkonto 86356 Neusäß. Postgiramt München Kto-nro 56 99 93-808 (Bank-kodo 700 100 80) por 70a kongreso de SAT 1997 - Augsburg.

| **KONGRESKOTIZOJ** | **ĝis 1997.01.31** | **ĝis 1997.04.30** | **ĝis 1997.06.15** | **poste** |
|---|---|---|---|---|
| SAT-membro | 86.-DEM | 100.-DEM | 124.-DEM | 10% pli |
| SAT-geedzoj | 136.-DEM | 166.-DEM | 206.-DEM | en ĉiuj |
| SAT-gejunuloj | 46.-DEM | 60.-DEM | 66.-DEM | kategorioj |
| Nemembro | 116.-DEM | 140.-DEM | 176.-DEM | |
| Nemembro-geedzoj | 166.-DEM | 198.-DEM | 246.-DEM | |
| Gejunuloj-nemembroj | 66.DEM | 76.-DEM | 90.-DEM | |

Infanoj (ĝis 15 j) ne pagas la kotizon

La supre menciitaj kotizoj (kategorio A) validas por la partoprenantoj el la landoj de Eŭropo ne sube menciitaj kaj el Aŭstralio, Israelio, japanio, Kanado, Usono, Korea Respubliko, Sudafriko.
La partoprenantoj el CZ, HU, PL, SK, SI (kategorio B) ĝuas 30 % rabaton.
La partoprenantoj el AL, BG, RO, eksa SU, eksa YU krom SI kaj ĉiuj afrikaj, amerikaj kaj aziaj landoj krom supre menciitaj (kategorio C) ĝuas 50 % rabaton). La aliĝilon bonvolu peti ĉe la adreso de la O.K.K.



## GRUPA TRAJNA VOJAĜO EL PARIZO AL LA 70-a SAT-KONGRESO

## VOJAĜO PARIZO - AŬGSBURGO - PARIZO

Ni antaŭvidas grupvojaĝon per trajno laŭ jenaj kondiĉoj :

- Foriro el Paris Est sabaton la 2-an de aŭgusto 1997 je la 7h50 (alveno je la 15h34)
- Reveno el Aŭgsburgo sabaton la 9-an de aŭgusto 1997 je la 8h23 (alveno je la 16h23)

Prezoj: en la dua klaso : 802 FRF (normala prezo 1218 FRF)
en la unua klaso : 1180 FRF (normala prezo 1802 FRF)

Kompreneble la prezoj povas iom varii laŭ la tiamaj tarifoj kaj nombro da partoprenantoj.

Bonvolu kontakti SAT-ejon por enlistigo.

# KOTIZ-ABON TARIFO POR 1997

## NEPRE ATENTE LEGU LA ĈI-SUBAJN RIMARKOJN

Membroabonantoj pagas plenajn kotizon kaj abonon (vidu unuan kolumnon - pli grasan).
Help-kaj grup-membroabonantoj pagas minimume la duoblon de la baza kotizo kaj plenan abonon.
Senlaboruloj kaj junaj (ĝis 25-jaraj) membroabonantoj pagas la duonon de la baza kotizo kaj duonan abonon. Familianoj pagas la duonon de la baza kotizo.
Membroabonantoj, krome ricevas la jaran kajeron "SENNACIECA REVUO", sen plia abonpago.
Ĉiuj membroj, escepte de la familianoj, aŭtomate ricevas la dujaran SAT-adresaron.
Ĉiu, kiu povas, bonvolu aldoni al la kotizpago iom da mono por helpi la Asocion. Dankon.
Nemembroj povas aboni Sennaciulon (vidu lastan kolumnon) aŭ aĉeti aparte nur Sennaciecan Revuon (aparta aĉeto de S.R. por nemebroj kostas 40 FRF + afranko).
Pagu senprokraste vian kotizon prefere tra via landa peranto. Vi helpos al la asocio.

| Landaj perantoj | Valuto | **Kotizo + abono** | Kotizo de membroj | Abono de membroj | Abono nemembroj |
|---|---|---|---|---|---|
| **Argentinio :** Rodolfo Calogero, Namuncura 1749, Casilla de Correo 435, AR-8300 Neuquen. | USD | **20,00** | 6,00 | 14,00 | 22,00 |
| **Aŭstralio:** Kep Enderby, 2 Phoebe Street, AU-2041 Balmain, NSW | AUD | **70,00** | 20,00 | 50,00 | 77,00 |
| **Aŭstrio :** Dr. Klaus Karner, Schützenstr. 44e, AT-6020Innsbruck, pĉkt. 3799.466 (Oester. postsparkasse, Wien, konto 000-0025223-03) | ATS | **580,00** | 260,00 | 320,00 | 640,00 |
| **Belgio :** Christiane Lurkin, Rue du Bourdon-Horzelstraat 88, BE-1180 Bruxelles, pĉk. 000-0818209-14 nome de Lurkin Christiane SAT. | BEF | **1600,00** | 600,00 | 1000,00 | 1800,00 |
| **Brazilio :** G.R. Ledon, Rua Maria Aparecida Anacleto 111, Br-04809-120 Sao Paulo-SP. | USD | **16,00** | 4,00 | 12,00 | 18,00 |
| **Britio :** Pearl Simons, "Gemini", 11 regal Way, GB-Harow, Middelsex, HA3 0RZ. | GBP | **28,00** | 12,00 | 16,00 | 31,00 |
| **Bulgario :** Ganĉo Damjanov, Makariopolski 7, BG-6100 Kazanlak. | BGL | **330,00** | 70,00 | 260,00 | 360,00 |
| **Ĉeĥio :** Vlada Hasala, A.Dvořaká 1, CZ-69662 Strážnice. | CZK | **500,00** | 100,00 | 400,00 | 550,00 |
| **Ĉinio :** Wang Tianyi, Xi'an Esperanto-Asocio, Xiying-lu 74 Hao, CN-710054 Xi'an. | CNY | **35,00** | 7,00 | 28,00 | 39,00 |
| **Danio :** Ulrik Rasmussen, Nörregärdsvej 66, DK-2610 Rödovre. | DKK | **340,00** | 140,00 | 200,00 | 380,00 |
| **Estonio :** Freed Neeme, Kooli 6-26, EE-2240 Kehra. | EEK | **80,00** | 20,00 | 60,00 | 88,00 |
| **Finnlando :** Esa Lang, Lokinkatu 5, FI-15610 Lahti, poŝtkonto n° 800026-4629 856. | FIM | **240,00** | 100,00 | 140,00 | 270,00 |
| **Francio :** Pierre Quillaud, 16 rue du Lt. Vaisseau Paris, FR-76120 Le Grand Quevilly, pĉk. 1.906.23 C, Rouen. | FFR | **290,00** | 140,00 | 150,00 | 320,00 |
| **Germanio :** Jiři Proškovec, Heimbau Str. 10, DE-44143 Dortmund, pĉk. 9168-434 Postgiroamt Essen (BLZ 360 100 43). | DEM | **90,00** | 40,00 | 50,00 | 100,00 |
| **Hispanio :** Martin Bustin, Apartado de Correos 4143, ES-03080 Alicante, Libreta Caja Postal n° 37-02.614.635, Ofic. Carolinas 1302-0482-9, ES-03012 Alicante. | ESP | **4000,00** | 1600,00 | 2400,00 | 4400,00 |
| **Hungario :** Béla Kovacs, Béla kiraly u. 44, HU-7400 Kaposvar. | HUF | **1100,00** | 300,00 | 800,00 | 1200,00 |

| Landaj perantoj | Valuto | Kotizo + abono | Nura kotizo | Nura abono | Abono nemembroj |
|---|---|---|---|---|---|
| **Italio** : Giancarlo Rinaldo, via Savonarola 65, IT-35137 Padova, pĉk. 12355350. | ITL | **75000,00** | 30000,00 | 45000,00 | 82000,00 |
| **Izraelio** : Jehoŝua Tilleman, 97-A, Dereh-Akko, IL-26373 Kirjat-Mockin. | ILS | **120,00** | 50,00 | 70,00 | 132,00 |
| **Japanio** : Hiroyuki Tani, Syonai-Higasimati 3-4-2, JP-561 Toyonaka-si. Pĉk. 00980-9-37624, SAT-Nihon. | JPY | **7000,00** | 2800,00 | 4200,00 | 8000,00 |
| **Jugoslavio** : Ivan Močilnik, Požeška 132, YU-11030 Beograd. | DEM | **5,00** | 1,50 | 3,50 | 6,00 |
| **Kanado** : Jurgen Kuhl, 371 Ellesmere Ave. S., apt. 412, CA-Burnaby, B.C., V5B 3T1. | CAD | **70,00** | 28,00 | 42,00 | 77,00 |
| **Kroatio** : Radenko Milošević, Goljak 43, HR-41000 Zagreb. | HRK | **26,00** | 8,00 | 18,00 | 29,00 |
| **Latvio** : Margarita Zelve, Rupniecibas 35+13, LV-1045 Riga-45 | LVL | **3,00** | 0,60 | 2,40 | 4,00 |
| **Litovio** : Viktoras Baniulaitis, ab. d. 168, LT-5800 Klaipeda. | LTL | **15,00** | 3,00 | 12,00 | 20,00 |
| **Nederlando** : J.v.Hulst, Leidsevaart 238, NL-2014 HE Haarlem, pĉk. 2853752. | NLG | **86,00** | 34,00 | 52,00 | 94,00 |
| **Norvegio** : Per Engen, Store Presterudvei 35, NO-2300 Hamar. | NOK | **380,00** | 180,00 | 200,00 | 420,00 |
| **Novzelando** : Geoge Egerton, Flat 10B, 119 Lumsden Road, NZ-hastings. | NZD | **65,00** | 25,00 | 40,00 | 72,00 |
| **Pollando** : Elzbieta Janusz, il. Krowoderska 74/3, PL-31-158 Ktakow, Bankkonto : BPH VI O/Krakow 323431-3459622-170-4. | DEM | **7,00** | 2,00 | 5,00 | 8,00 |
| **Portugalio** : Werther Joao Lima Sacramento, Rua Paula Lopes, 1-2°esq., PT-2735 Cacem. | PTE | **3200,00** | 1200,00 | 2000,00 | 3600,00 |
| **Rusio** : Nikolao Gudskov, a/k 57, RU-105318 Moskvo. | USD | **5,00** | 1,00 | 4,00 | 6,00 |
| **Slovakio** : Miro Zavodsky, Čsl. brigady 67, SK-01004 Žilina-Zavodie. | SKK | **340,00** | 100,00 | 240,00 | 380,00 |
| **Slovenio** : Slavko Ŝirec, Staneta Severja 6, SI-62000 Maribor. | SIT | **1900,00** | 400,00 | 1500,00 | 2100,00 |
| **Svedio** : Inga Johanson, Stampgatan 60.B.-127, SE-411 01 Göteborg, pĉk. SAT c/o I. Johanson, n° 26-63-22-7. | SEK | **350,00** | 140,00 | 210,00 | 390,00 |
| **Svisio** : Erna Döring, Poŝtfako 225, CH-4003 Basel, pĉk. 40-43136-2 | CHF | **80,00** | 30,00 | 50,00 | 90,00 |
| **Ukrainio** : Dmitrij M. Cibulevskij, a/k 9307, UA-310003 Ĥarkovo-3 | USD | **5,00** | 1,00 | 4,00 | 6,00 |
| **Usono** : Dan Glass, 2405 Bison Drive, Malplewood, MN 55119-3108 | USD | **65,00** | 25,00 | 40,00 | 72,00 |
| **Aliaj ne jam menciitaj landoj** | | | | | |
| Eŭropo + S. Koreio | FRF | **140,00** | 40,00 | 100,00 | 160,00 |
| Latinameriko + Sudafriko | FRF | **130,00** | 30,00 | 100,00 | 150,00 |
| Cetera Afriko + cetera Azio | FRF | **120,00** | 20,00 | 100,00 | 130,00 |

**PAGU TUJ VIAN KOTIZON ! SE MOMENTE NE EBLAS, KONSERVU ĈI-TIUN KOTIZTABELON !**